# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 24/03/2016 Ducentsesdekdua eldono 24/03/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Estas pli ol **335,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)
★★★★

***Novaĵserv / Lingvo-Studi***

### ĈIUTAGE 30 HOMOJ FINAS LA ESPERANTO-KURSON ĈE DUOLINGO




La kvanto de registritaj eklernantoj en la anglalingva, reta Esperanto-kurso ĉe Duolingo jam superis 300.000 homojn. Finstudas ĝin kompreneble nur malgranda parto de ili, sed eĉ tiel ĉiutage ĉ. 30 homoj atingas la finon de la kurso.
Ĉi-jare laŭplane estos lanĉita kurso por hispan-lingvanoj. En postaj jaroj estas planataj kursoj interalie por ruslingvanoj kaj ĉinlingvanoj...
Pli detale vi povas legi en la intervjuo kun Chuck Smith ĉe http://www.liberafolio.org/
*Reagu, komentu en nia fejsbuka pago: http://www.facebook.com/Ret.Info !*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook




### Propagandila kaj Fontindika Libreto.

*Ĉu vi faris vian kopion? Ĉu viaj lernantoj faris siajn kopiojn ?*
Senpage *havebla* ĉe *http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo*

*Informu niajn legantojn pri via uzo de la* **ESPERANTO POCKET TEXTBOOK**
(rogerspringer@tpg.com.au)

# 115. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

## La plurfaceta verbo "esti". D.



Jen kelkaj ekzemploj de la tria, egaleca, nuanco de la signifo de "esti" (notu ke oni povas ĉi tie interŝanĝi la subjekton kun la t.n. predikativo): "Ŝi estas la patrino de miaj gefiloj"; "La patrino de miaj gefiloj estas la kondukanto de tiu aŭtomobilo"; "Sablo estas sableroj, kaj sableroj estas sablo"; "La verkisto de ĉi tiu libro estas tiu, kiu verkis ankaŭ la alian libron ĵus montritan"; "Neniu estas nun la gvidanto de nia ekskurso"; "Se tri plus ok estas dek-unu, ĉu ankaŭ du plus naŭ estas dek-unu?".

Ni do konstatis, ke la verbo "esti" havas tri nuancojn da signifo: Unue ĝi signifas pli-malpli "ekzisti" kaj "troviĝi", due per predikativo ĝi aldonas atribuon al la subjekto, kaj trie ĝi signifas pli-malpli "egali". Laŭ la jenaj tri ekzemploj: Unue "Tiu ŝipo estas en la haveno", due "Tiu ŝipo estas granda", kaj trie "Tiu ŝipo estas la gajnanto de la konkurso". "En la haveno" estas adjekto ĉe sen- dependa verbo; "granda" estas subjekta predikativo kaj formas kombinita kun "estas" la predikaton; kaj "la gajnanto de la konkurso" juĝatas de preskaŭ ĉiuj lingvistoj ankaŭ esti predikativo.

Marcel Leereveld.

# Pri GEOGRAFIAJ NOMOJ.



Laŭ Marcel "La Eŭropanoj trovas malfacila, kompreni la strukturon de Esperanto. Tial ili emas krei Esperanton, kvazaŭ ĝi estus eŭropa lingvo." Kiam mi legas la vorton "Njusaŭzvelso" mi pensas 'Tio estas Eŭropana literumado'. Se mi dirus tion al iu en Armidalo, aŭ ie ajn en "Njusaŭzvelso" ili ne komprenus min. Kia estus la literumado? Njusaŭfŭajlso? Certe povas esti pli komprenebla literumado ol "Njusaŭzvelso".
Terry Manley

# "Iomete Pli Pri Geografiaj Nomoj.



Al mia peto en AE 261 koncerne libreton pri ĝuste esprimitaj geografiaj nomoj, Franceska demandis, *ĝuste laŭ kies vidpunkto*? Nu, mi supozas laŭ tiu de la Esperanto-Akademio. Surprizus min, se tiu grava Lingva Komitato jam ne diskutis, disputis kaj decidis pri la plimulto de la almenaŭ plej ofte uzataj geografiaj nomoj. Mi invitas pliajn komentojn pri ĉi tiu temo."

Vera Payne



## Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj)





# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo.

Kunvenis la 19an Marton.Venis Roger, Chris, Eunice, kaj John.

**Raporto de Chris Holliss pri la kunveno**



Sabaton, ni legis parton de bonekonata libro "Vagado sub Palmoj" verkita de Jean Ribillard.

Mi ŝatas tiun libron ĉar la aŭturo rakontis sian vivon en Okcidenta Afriko en la frua parto de la lasta jarcento kiam li estis oficiro en la Franca Armeo, kaj priskribis siajn aventurojn tie. Ege ĝuinda legado.

John ŝatas ĝin pro la praktiko de pronunciado kaj li malkovras ke li ja scias multajn vortojn kaj frazojn esperante.

Eunice ŝatas ĝin ĉar ŝi povas kontroli niajn prononciadojn.

Ankaŭ Roĝero ŝatas ĝin pro la intereso.

En la UK en Lilon, la libroservo havis kelkajn kopiojn de tiu libro. La venontan tagon nur estis malplena breto. Do, spite la malnova temo, la libro ankoraŭ restas populara.

Se oni volas legi pli, estas bona eseo de Lena Karpenina "Aliro al la mistera Jean Ribillard" Belartaj Konkursoj 2013 je http://esperanto.met/literaturo/bk/verk/alirjeanribillard.html

# La Toowoomba Esperanto-Asocio (TES) kaj la Brisbana Esperanto-Asocio (BES)




**La plej pasintan konvenon en Toowoombo la Esperantaj membroj elektis novan komitaton.**

Bildo montras Petro Danzer (vic prezidanto); Sandra Connors (prezidantino);

Diano Lukes ( publikeco ofico); Paul Green (kasisto); ne ĉeestis Hazel Green (sekretariino)

## Brizbano-Kafo-Klubo

Erhard kaj Ness Claus ĝuis Kafon če la Kafo-Klubo post nia ĉiumonata Esperanto-kunveno en Brizbano. Informis Petro Danzer

# V o r t p l u f o r m a d o . (1)



Post kelkaj semajnoj la legantoj de A.E. legos, en la kadro de la rubriko "La Gramatiko de Esperanto", klarigojn pri la vortkreado, pri la maniero fari en Esperanto novajn vortojn, por novaj nocioj, kunmetante en unu vorton du aŭ pli da radikoj jam ekzistantaj. En dek-du lecionetoj mi klarigos la regulojn obeendajn en tiu vortpluformado, i.a. ke la ĉefelemento situas laste, ke devas ĉeesti la nocioj de specialeco kaj de la (prepozicia) rilato inter la elementoj, kaj ke la nova vorto estu unu vorto, do sen streketoj nek internaj ĉefliteroj nek infiksoj. Ĉi tiu vortformado nomiĝas aglutinado, kaj mi mencios ankaŭ kelkajn maloftajn vortkombinaĵojn neaglutinajn.

Oni ne bezonas scii pli ol tio por ĝuste kompreni la kunmetitajn vortojn . Sed por tiuj el vi kiuj deziras duonscience scii pli pri la interesa fenomeno, mi ĉi sube mencias la dek diversajn specojn de aglutina vortkunmetado en Esperanto (la etnaj lingvoj havas maksimume tri da ili). Jen ili estas:

1). Ĉefelementa substantivo aŭ verbo aŭ adjektivo kiel subjekto de sekvanta prepozicio kun sia objekto (kune la prepozitivo). Ĉi tiu speco estas la plej multe uzata, kaj estas la preskaŭ nura speco en la etnaj lingvoj aglutinaj. Jen ekzemploj: Manĝo en la vespero fariĝas vespermanĝo, kaj taŭga por infanoj fariĝas infantaŭga, kaj ludi per pilko fariĝas pilkludi.

2). Prepozitivo enhavanta substantivon plus sian adjektivon aŭ verbon plus sian adverbon aŭ sian (rektan) objekton, sed nur por formi adjektivojn aŭ adverbojn. Ĉi tiu speco apenaŭ uzatas en etnaj lingvoj, sed ofte en Esperanto. Jen ekzemploj: (koloro) de ruĝa rozo fariĝas ruĝroza (koloro), (utili) per rapide helpi fariĝas rapidhelpe (utili), (amuziĝi) per kapti fiŝojn fariĝas fiŝkapte (amuziĝi). Speciale la adjektivoj ĉi specaj estas popularaj en nia lingvo.

3). Prepozicio kun sia prepozitivo, por fari adjektivojn kaj adverbojn. Ekzemploj: (flago) sur la monto fariĝas montsura (flago) kio fariĝas surmonta (flago) kaj (iri) el la domo fariĝas (iri) domele kio fariĝas eldome. Ĉi tiu speco estas tre populara en Esperanto, sed nur iomete nur en la angla. Notu ke ĝi sekvas la aglutinajn regulojn, sed ke pro tio ke la prepozicioj kiel ĉefelementoj estas tre mallongaj je la fino de vorto kaj ke konsekvence la vortoj ne plu estus rekoneblaj, oni plej ofte devas renversi la vicordon por havi la ĉefelementon, la prepozicion, en la komenco de la kunmetaĵo. Ekzemple la origina "domena" por en la domo kaj "finala" por al la fino ne facile kompreneblas.

4). Prepozitivo kun la verba sufikso igi aŭ iĝi, tiel farante novan verbon: surŝipigi, translimigi, endormiĝi, surteriĝi. Kompreneble la –igi verboj estas transitivaj kaj la –iĝi- verboj estas netransitivaj. La samon oni povas fari per la verba pasiva voĉo: (La mono jam) elbankatis (de mia edzino), netransitiva.
(daŭrigota) Marcel Leereveld.

**Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio**

# MEDICINAJ INSTRU-FILMETOJ EN ESPERANTO!




La retejo de "Khan Academy" enhavas multajn centojn da sciencaj, edukaj kaj instruaj materialoj por libera klerigado. Antaŭ kelkaj semajnoj kanada esperantisto Matthew Orlowski komencis traduki kaj subtekstigi kelkajn el ili al Esperanto, kaj laŭ la pozitivaj spertoj nun li komencis produkti proprajn filmetojn kun Esperanta voĉo.
La unua, 9-minuta filmeto temas pri "Enkondukaj konoj pri la funkciado de la koro". Estas aldonita ankaŭ la subteksto en E-o, se oni volas uzi ĝin.
La filmo estas trovebla en jutubo ĉe https://www.youtube.com/watch?v=hBpOgt5ldxs, kaj la ligilo kompreneble ankaŭ en la medicina sekcio de STEB ĉe http://www.eventoj.hu/steb/




Gratulon al Matthew Orlowski, kiu anstataŭ nomumi sin *(honora)* prezidanto de iu Esperanta faka asocio komencis konkrete realigi fakan aplikadon. Volonte mi raportus pri apero de similaj materialoj ankaŭ en aliaj sciencaj branĉoj.
Szilvási László

*P.S. Vortaroj, terminaroj kaj faka literaturo por diversaj sciencaj branĉoj estas troveblaj ĉe la interreta biblioteko STEB.*

*Ret-Info / L.S.* Reagu, komentu en nia fejsbuka pago: http://www.facebook.com/Ret.Info !